52a Jaro — N-ro 3 — Majo - Junio 1960a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

# Ni estu pretaj!

Post kelkaj semajnoj jam, alvenos en nian landon iom malpli ol DUMIL kongresanoj, — se ni vere ne atingos tiun deziritan nombron —, por ĝui en nia ĉefurbo, plian agrablan kuneston kun samideanoj, venintaj el la plej diversaj kaj malproksimaj landoj.

Por la Belgoj tio signifas, ke, post kelkaj semajnoj, ili devos esti finpretaj kun la multnombraj aranĝoj, kiujn la L.K.K. iniciatis kaj kiujn ĝi deziras, dank'al multaj kunlaboroj, efektivigi en plej bona harmonio kaj kun kiel eble plej granda sukceso.

Tial, ekde nun, ni ĉiuj devas esti pretaj por kunhelpi ; kunhelpi en la plej larĝa senco de la vorto.

Ĝis nun, krom la L.K.K.-anoj, kelkaj fidelaj gesamideanoj, fakte



**La fotografajo montras la du prezidantojn de R.B.L.E. kaj F.L.E., S-rojn Maur. Jaumotte kaj G. Debrouwere, en agrabla priparolado, dum ilin ĉirkaŭas la L.K.K.-anoj kaj, ekstreme maldekstre kaj dekstre sur la dua vico : S-roj Nico Van Herck, reprezentanto de TEJO en nia lando, kaj R. Balleux, kasisto de Antverpena Grupo.**

**Sidantaj, de maldekstre dekstren : S-roj L. De Marré, sekretario; G. Maertens, vicprezidanto ; la du Ligaj prezidantoj ; H. Sielens, vicprezidanto ; S-ino J. Plyson (loĝado) ; S-ro G. C. Fighiera, K.K.S.**

**Starantaj (inter S-roj Van Herck kaj Balleux) : S-roj R. Jaumotte, gazetara Sekretario ; F. Volders ; S-ino M. Weyn (loĝado) ; S-roj J. Verstraeten ; J. Oleffe, kasisto; F-ino R. Huysmans (ekskursoj) ; Prof. D-ro M. Roost, rektoro de la Somera Universitato, kaj S-ro R. Jacobs, sekretario de la L.K.K.**

ĉiutage, oferas valorplenajn horojn en la sekretariejo de la 45a aŭ prizorgas aferojn ekster ĝi.

Sed post kelka tempo, post kelkaj tagoj eble, la organizantoj jam bezonos pli larĝan subtenon, pli larĝan kunhelpon.

Nè povas esti, ke, je kiu ajn momento, ili vane serĉus aŭ atendus tiun helpon . . . Ĉiu devas konvinki sin, ke la du lastaj monatoj antaŭ Kongreso, ne permesas la kutimajn kaj tro oftajn " *Mi ne havas tempon* " . . . Nun, ĉiu devas havi tempon . . . Kaj se li ne havas, *li devas ĝin kr ei* . . . Ĉar estas feliĉiga fakto ke bonvolema homo povas krei al si tempon, en la kadro de la 24 horoj de ĉiu tago.

*Se lia bonvolo estas akompanata de vera volo !*

Ni tuj aldonu ke la preparkunveno, kiu okazis en Bruselo, la 26an de majo, alportis al la organizantoj, grandan fidon en tiu ĉi helpo, kiel oni povos konstati el la legado de la iom detala raporto pri tiu tre grava kunsido.

Do : ĝis baldaŭa revido en gaja laboro dum la lasta periodo antaŭkongresa . . . Kaj poste, komprenéble, al la kunlaborantoj, kiel al la aliaj kongresanoj, ni jam de nun deziras plej plenan ĝuon dum nia 45a granda renkontiĝo !

M. J.

* * *

Je la Cielira Tago, okazis en Bruselo, prepartago por la 45a U.K. kaj ni povas ĝoji, ĉar ĝi konis tute esceptan sukceson.

Cirkaŭ 50 kunlaborontoj veturis al la ĉefurbo kaj preskaŭ ĉiuj promesis helpi al la diversaj laboroj ; duono, jam ekde la vendredo, 30a ; ĉiuj fakte, dum la du unuaj tagoj, sabate kaj dimanĉe, kiam la plimulto el la kongresanoj alvenos ; kaj duono aliflanke, dum la tuta daŭro de la Kongreso.

Kvankam estas dezirinde, ke ni disponu pri kelkaj pliaj kunlaborontoj, kiel rezervoj kaj por pli malpezigi la laboron de la aliaj, ni tamen, jam de nun, estas certaj ke la vizitontoj kaj partoprenontoj al la 45a trovos en la Kongresejo aron da lertaj kaj sindonemaj samideanoj, venintaj el la diversaj regionoj de la lando.

Matene, sub la prezido de S-ro Maur. Jaumotte kaj en ĉeesto de S-ro G. Debrouwere, prezidanto de Flandra Ligo, okazis kunsido de la L.K.K., dum kiu la membroj ricevis la tutlastajn informojn kaj dum kiu estis jam pritraktata detale la divido de la laboro.

Posttagmeze, estis priparolata la proponita laborskemo kaj la diversajL.K.K.-anoj estis indikitaj por la ĝeneralaj gvidadaj celoj, dum diversaj aliaj kunlaborontoj ricevis jam iom definitivan taskon prizorgotan.

Por la kutimaj, ne-gvidaj taskoj, la divido estos farata nur dum la dua laborkunsido, kiu okazos la 21an de julio (Nacia Festotago), en la sama salono kaj je la sama horo : « Monico-Nord », je la 14a horo.

Pri la respondecaj gvidaj laboroj de la L.K.K.-anoj, ni diru ke :

S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto, promesis esti kiel eble regule en la halo, kie estos la diversaj giĉetoj, tiel ke li eventuale povos findecidi en okazo de malfacilaĵo ; kaj ankaŭ respondi al iom specialaj aŭ gravaj plendoj.

S-roj G. Maertens kaj H. Sielens, vicprezidantoj, daŭre respondecos pri la diversaj aranĝoj. Ciam kaj daŭre unu el ambaŭ estos atingebla de la diversaj deĵorantoj. Kaj tiuj sin do turnu al ili kun kiu ajn malfacilaĵo aŭ malagrablaĵo, kiun ili eventuale renkontus.

S-ro G. C. Fighiera, K.K.S., estos, kun S-ro R. Jacobs, sekretario, daŭre je dispono, kaj kongresanojn, kiuj venas kun plendoj aŭ demandoj, kiujn ili mem ne povas solvi, la kunlaborontoj, unuavice, direktu al la K.K.S. Nur poste intervenu la vicprezidantoj aŭ eventuale la prezidanto.

Multaj kongresanoj devos, antaŭ ol ricevi insignon kaj dokumentojn, reguligi sian konton ce la Kongreso. S-ro J. Oleffe, kasisto de la L.K.K., kompreneble



## BRUSELAĴOJ

I

Karlo la Kvina iam dum ĉasado
apud Bruselo, en arbar' Berhema
la vojon perdis ĉe la noktinvado.
Ve, li neniam estis senproblema
ĉar lia regno havis tian grandon,
ke l' suno en ĝi konis ne subiron,
sed nun . . . por li jam tuŝis la terrandon.
Feliĉe li renkontis fine viron
lanternportantan, de el farmodomo
irante al Bruselo, kiu pretis
lin akompani kaj pri lia nomo
demandis, jen post iom al li petis :
— " Nu Karl', momenton tenu la lanternon " . . .
Sin ŝarĝis Karl' per tio tre volonte
dum la kampul' . . . malŝarĝis la internon.
Ne longe teruriĝis li estonte,
ĉar en Flandrujo estis populara
la imperiestro, ruza la kampulo . . .
Kaj baldaŭ malfermiĝis la kampara
gastejo, kun surskribo sur tabulo :
" Karlo tenas la lanternon ". Fam' :
neniam senaplombas Brusela n' !

II

Leopoldo, unua belga reĝo,
donacis al brusela asocio
por kiu kanti estis ĝua leĝo,
standardon belan laŭ la tradicio.
Aspektis la portisto malfortika . . .
La reĝo al li diris kompattone :
" Sinjoro, ĉu ĝi ne tro pezefika
estas al vi ? " Sed li, ne vortbezone,
respondis (Bruselan' ne malsagacas)
" Mi vere ŝajnas iomete febla,
sed kion Via Reĝa Moŝt' donacas,
nur estas ĉiam aĵo ja portebla " . . .
Okazis tio en la jar' postkrista
mil-okcent-tridek-kvar, sed Bruselano,
nerespektema, funde realista,
plumovas sin sur la hereda plano,
kaj ne kaŝiĝas lia vigla lango
malantaŭ lia ĉiam gaja vango !

TYNEVERUM

---

estros la fakon kaj prizorgos tiun reguligon, kun la helpo de kvar aŭ kvin kasistoj, kiuj pritraktos de 4 ĝis 500 kongresanoj. Sin jam prezentis por tiu ĉi tasko : S-ro F. Volders, L.K.K.'ano, F-ino J. Terryn, S-roj Schumacher, Balleux

kaj Schodduyn.

Prof. D-ro M. Reest estas la rektoro de la Somera Universitato ; sed S-ro F. Roose akceptis esti prizorganto por la aranĝo de ties kunsidoj kaj paroladoj kaj respondeculo pri la bona ordo dum tiuj paroladoj. Li estos helpata, precipe ĉe la enirejo, de S-ro R. Martens, el Bruĝo.

S-ro Luc De Marré, sekretario, estos la respondeculo pri la fakkunvenaj aranĝoj kaj prizorgos plej akuratajn rilatojn inter la organizantoj de tiuj ĉi fakkunsidoj kaj la gazetara servo.

S-ro Roger Jaumotte, gazetara sekretario, respondecas pri la gazetara servo ĝenerale. Li prizorgos mem la kunmeton de la flandra kaj franca partoj de tiu servo kaj havos la rektajn rilatojn kun la loka ĵurnalistaro.

La esperanta parto estos redaktata de S-ro M. Gijvoje, el Ljubljana, kun eventuala helpo de aliaj kunlaborontoj kaj, ĉiuokaze, de tajpistinoj. S-ino Mariette De Marré kaj F-ino Hortense Brack estos daŭre je la dispono de tiu ĉi servo, sed aliaj tajpistinoj estas pretaj kunhelpi je momentoj de granda aktiveco kaj ankaŭ anstataŭi kelkfoje la oficialajn tajpistinojn, por ke tiuj ĉi ankaŭ povu iom ĝui la Kongreson.

S-inoj J. Plyson kaj M. Weyn, prizorgantinoj de la loĝado, kune kaj laŭvice, estros la fakon pri loĝado, al kiu kunlaboros ankaŭ S-ro Nanquette.

F-ino R. Huysmans daŭrigos laŭ eventualaj eblecoj, dum la Kongreso, la enskribojn por la ekskursoj.

S-ro J. Verstraeten respondecos pri la film- kaj sonbendaj servoj, kiuj havas du specialajn gvidantojn : S-ro R. Van Eynde prizorgos la filmprezentadojn kaj S-ro J. Montmirail la aŭdigon de muziko kaj la surbendigon de la ĉefaj eroj de la programo. Ili estos helpataj de diversaj samideanoj inter kiuj jam definitive promesis kunhelpon S-roj Fr. Schellekens kaj Van Dessel.

Ekster la Kongresejo, partoprenos la ĝeneralon gvidadon de la Infankongreseto S-ino Rose Jacobs, kiu respondecas pri ĉiuj administraciaj aranĝoj, ĉar ŝi estos la nura belgino kun kvin aŭ ses eksterlandaj gvidantoj.

Por la Cseh-seminario, F-ino Blanche Geers akceptis esti, dum la tri tagoj, en la kursejo kaj prizorgi ĉion, por ke la laboroj bone evoluu.

**Vizitoj :** Kelkaj gvidataj vizitoj estas antaŭvidataj pri kiuj respondecas :

Al la Muzeo de Belaj Artoj : S-ro F. Roose

Al la Radio-Instituto : S-ro G. Maertens

Al la Banko de Bruselo : S-ro J. Oleffe kaj S-ino E. Ernst

Al la Centra Poŝtoficejo : S-roj L. Bas kaj H. Castel

Al la Kongolando Muzeo : F-ino S. Obozinski kaj S-ino Elly Staes.

**Ekskursoj :** Pro decido de la L.K.K. ŝanĝi la ekskurson al Antverpeno, kiu iĝos duontaga ekskurso, restas do nur du por la ĵaŭda tago : Ili estos gvidataj ; por Bruĝo, de S-ro G. Maertens kaj S-ro F. Roose, kun la helpo de la membroj de la du grupoj, kiuj formas la bruĝan E.K.I.'on ; kaj por Waterloo-Charleroi-Namuro, de S-ro G. de Cuyper, kiu tion jam de longe akceptis, kaj de S-ro R. Paulus kaj la membroj de la grupo de Charleroi kaj de S-ro Pierre Piron, el Namuro. Verŝajne ankaŭ unu aŭ du L.K.K.-anoj akompanos la eskurson.

En Gento estos, — sub gvidado de F-ino J. Terryn kaj de S-ro G. De Boes, — la membroj de la du lokaj grupoj, kiuj prizorgas la gvidadon de la ekskursontoj ; dum en Antverpeno okazos same, sub gvido de unu aŭ du el la antverpenaj L.K.K.-noj.

**Libro-servo :** Tiu ĉi estos komune prizorgata de la du Institutoj, sub gvido de S-ro G. Van den Bossche, por B.E.I., kaj S-ro R. Iserentant, por F.E.I., kiu certigis al si la kunlaboron de diversaj bruĝaj samideanoj.

**Fotografa servo :** S-ino Marg. Jaumotte respondecos pri la servo por mendo aĉeto kaj livero de fotografaĵoj pri la kongresaranĝoj. Ŝi estos helpata de unu aŭ du kunlaborantinoj.

**Rendevua tabulo kaj poŝtaĵoj :** La rendevua tabulo estos aranĝita tiun ĉi jaron, laŭ pli deca kaj ordema maniero ol okazis antaŭe. Pri ĝi respondecos F-ino E. Van der Weken, kiu ankaŭ certigos la disdonon de la poŝtaĵoj.

**Informa servo :** Ŝin plenumos la « hostesses » kaj F-ino Van der Weken, ĉe la rendevua tabulo ; kaj eventuale kelkaj aliaj kunlaborontinoj, kiuj bonvolos pristudi tiun ĉi flankon de la aranĝoj, ekzemple jam dum la vendreda tago, por ke ili povu respondi al kiom eble plej multaj demandoj.



## Kongresa Honora Kolono

Listo de la belgaj partoprenontoj al la U.K.

Ni aperigas ĉi sube la nomojn de la enloĝantoj de nia lando, kiuj aliĝis al la 45a Universala Kongreso, ĝis la 15a de junio 1960 :

9. Jaumotte, Maurice, Antverpeno
10. Maertens, Grégoire, Bruĝo
69. Sielens, Henri, Antverpeno
70. Fighiera, G.C., Bruselo
71. Jacobs, René, Bruselo
72. De Marré, Luc, Antverpeno
73. Oleffe, Jean, Bruselo
74. Roost, Marcel, Antverpeno
75. Huysmans, Rosette, Bruselo
76. Jaumotte, Roger, Antverpeno
77. Plyson, Julia, Bruselo
78. Verstraeten, Jules, Antverpeno
79. Volders, Fernand, Antverpeno
80. Weyn, Margriet, Bruselo
81. Jaumotte, Marguerite, Antverpeno
82. Jaumotte, Félicie, Antverpeno
83. Jaumotte, Viviane, Antverpeno
84. Sielens, Magda, Antverpeno
85. Jacobs, Rose, Bruselo
86. Jacobs, Jeannine, Bruselo
87. De Marré, Mariette, Antverpeno
88. Kempeneers, Paul, Bruselo
89. De Brouwere, Gerard, Kortrejko
90. De Brouwere, Yvonne, Kortrejko
91. Soyeur, Joseph, Lieĝo
92. Terryn, Juliette, Gento
94. Van Eynde, Remy, Antverpeno
95. Van Eynde, Rachel, Antverpeno
96. Balleux, René, Antverpeno
97. Balleux, Nathalie, Antverpeno
98. Van den Bossche, Georges, Antv.
99. Bernaerts, Lea, Antverpeno
100. Van der Weken, Elsa, Antverpeno
102. Moriamé, Marcelle, Antverpeno
103. Geers, Blanche, Antverpeno
104. Obozinski, Simone, Bruselo
105. Kestens, Mahtilde, Bruselo
106. Castel, Hector, Bruselo
107. Castel, Lucy, Bruselo
108. Jirousek, Marcel, Bruselo
109. Staes, Elly, Bruselo
110. Montmirail, Jos., Antverpeno
111. Montmirail, Mar.-L., Antverpeno
112. Vermuyten, Hector, Antverpeno
113. Vermuyyten, Blanche, Antverpeno
114. Lecat, Rena, Antverpeno
115. Hofkens, Mathilde, Antverpeno
116. Hofkens, Hélène, Antverpeno
117. Merckx, Livine, Antverpeno
118. Brack, Hortense, Antverpeno
119. Peeters, Clara, Antverpeno
120. Debacker, August, Antverpeno
121. Debacker, Germaine, Antverpeno
122. Mathieu, René, Lieĝo
123. Mathieu, Lucie, Lieĝo
126. Gorgemans, Dora, Bruselo
127. Derks, Willem, Bruselo
139. Ernst, Elfriede, Bruselo
154. De Roover, Hendrik, Antverpeno
155. De Roover, Paula, Antverpeno
156. De Roover, Paul, Antverpeno
157. Hendrickx, Jaak, Antverpeno
159. Beckers, Alfons, Kwaadmechelen
160. De Cock, Palmyre, Aalst
161. De Maeyer, Jozef, Wijchmaal
163. Nanquette, Maurice, Bruselo
164. Isaacson, Florence, Bruselo
165. Piron, Pierre, Namuro (Brus.Gr.)
166. Dewerchin, Simonne, Bruselo
172. De Smet, Wim, Antverpeno
173. Borremans, Constant, Antverpeno
180. Bas, Lodewijk, Bruselo
181. Jacobs, Jan, Antverpeno
182. Jacobs, Bertha, Antverpeno
184. Vercruyssen, Alfons, Antverpeno
219. Declerck, Alfred, Ostendo
220. Declerck, Christian, Ostendo
221. Willems, Madeleine, Bruĝo
222. Poupeye, Charles, Bruĝo
231. Robert, Dorothea, Bruselo
232. Lamberts, Victor, Bruselo
233. De Cuyper, Georges, Charleroi
234. Devillez, Marcel, Charleroi
235. Daems, Marguerite, Bruselo
236. Daems, Maurice, Bruselo
237. Denoël, Pol, Lieĝo
238. Denoël, Adèle, Lieĝo
239. Denoël, Bruno, Lieĝo
240. Denoël, Serge, Lieĝo
241. Henrion, Joseph, Lieĝo
272. Geukens, Louis, Millen-Limburg
279. Groverman, Marie-Mad., Bruĝo
280. Schmitz, Roxane, Bersillies-l'abb.
281. Schmitz, Paulette, Bersillies-L'ab.
282. Schmitz, Guy, Bersillies-L'abbaye
283. De Krom, Stafonova, Bruselo
284. Boffejon, Annie, Antverpeno
285. Boffejon, Hector, Antverpeno
286. Tytgat, Paula, Antverpeno
287. Tytgat, Carlos, Antverpeno
290. Maertens, Germaine, Bruĝo
291. Iserentant, Roger, Bruĝo
292. Sprengers, Gerda, Mehleno
293. Sprengers, Herwig, Mehleno
294. Sprengers, Juul, Mehleno
295. Sprengers, Angelina, Mehleno

296. Begodt, Anna, Gento
297. Lycke, Maria, Gento
298. Van de Velde, Adhemar, Gento
299. Volders, Maria, Antverpeno
300. Couwenberg, Albine, Blankenberge
301. Couwenberg, Franç., Blankenberge
302. Paesmans, Eugeen, Antverpeno
344. Schumacher, Hubert, Bruselo
345. Samyn, Albert, Bruselo
346. De Smedt, Petro, Dendermonde
355. Van Gulck, Jozefo, Antverpeno
358. Callewaerts, Paul, Kortrejko
367. Van Herck, Nico, Antverpeno
365. Leibovitche, Golda, Antverpeno
366. Mathieux, Fernand, Bruselo
368. Jaume, Ginette, Charleroi
369. Jaume, René, Charleroi
370. Van de Velde, Marguerite, Gento
371. De Coene, Elvire, Antverpeno
393. Demol, Maurice, Brugo
404. Meurrens, Anna, Loveno
405. Meurrens, Leona, Antverpeno
491. Decorte, Arni, Bierbeek (Br.)
508. Laurent, Antoine, Bruselo
519. Rogister, Camille, Verviers
520. Marmenout, Albert, Blankenberge
567. Collard, Georgette, Liego
568. Haid, Annie, Liego
569. Demarche, Raymonde, Verviers
570. Demarche, Toussaint, Verviers
571. Vanbreuse, Jeanne, Verviers
572. Vanbreuse, Georges, Verviers
573. Herion, Andrée, Verviers
574. Herion, Joseph, Verviers
598. Poupeye, Marcel, Brugo
599. Poupeye, Yvonne, Brugo
605. Pilloy, Michel, Ottignies
606. Poupeye, Gabrielle, Brugo
662. Bernaerts, Adeline, Lier
663. Pittoors, Achiel, Antverpeno
664. Declercq, Maurice, Gento
665. Curnelle, Magdal. (Fr.)
667. Laga, Lukas, Kortrejko
668. Top, Marie-Jeanne, Veurne
669. Samijn, Pol, Roeselare
670. Ponnet, Harnold, Gento
671. Van Wezel, Ada, Brugo
672. Cortvriendt, Emile, Antverpeno
675. De Boes, Irma, Gento
676. De Boes, Gerard, Gento
677. Meeus, Godelieve, Kortrejko
678. Meeus, Constant, Kortrejko
679. Roose, Henriette, Brugo
680. Roose, Fernand, Brugo
684. Martens, Roger, Brugo
685. Vanhulle, Kamiel, St.-Truiden
687. Lödör, Edmond, Gento
688. Vercammen, Leo, Mehleno
689. Vercammen, Martine, Mehleno
690. Roose, Randi, Brugo
691. Roose, Ingrid, Brugo
692. Meeus, Vera, Kortrejko
743. Swinne, Félix, Bruselo
744. Hart, Jeanne, Bruselo
745. Hart, Petro, Bruselo
746. Jacobs, Maria, Antverpeno
749. Van Humbeeck, Roger, Mehleno
750. Nachtergaele, Elsa, Gento
751. Nachtergaele, Juliette, Gento
752. De Winter, Elisabeth, Antverpeno
753. Schellekens, François, Antverpeno
754. De Hondt, Henri, Antverpeno
755. De Hondt, Jeanne, Antverpeno
758. Enzlin, Anny, Antverpeno
760. Oleffe, Suzanne, Bruselo
761. Oleffe, Madeleine, Bruselo
762. Van der Stempel, Rita, Bruselo
763. Van der Stempel, David, Bruselo
765. Geron, Jean-Marie Verviers
849. Schodduyn, Herman, Bruselo
851. De Ketelaere, Johanna, Antverp.
875. Prager, Jean, Bruselo
887. Op de Beeck, Edgar, Antverpeno
888. Coeck, Donaat, Menen
890. Jacques, Henny, Antverpeno
896. Lostrie, J. Robert, Kraainem-Wez.
899. Deruyver, Emmanuel, Namuro
977. Luyten, Frans, Antverpeno
980. Rohen, Edmond, Sint-Truiden
995. Pieters, Etienne, Dendermonde
997. Ross, Marthe, Bruselo
1056. Bray, Louis, Charleroi
1087. Corveleyn, Richard, Kemzeke
1049. Maes, Germaine, Bruselo
1050. Maes, Raoul, Bruselo
1057. Fichefet, Mireille, Charleroi
1058. Fichefet, Simone, Charleroi
1059. Fichefet, Marcel, Charleroi
1060. Orsolini, Andrée, Charleroi
1061. Paulus, Raymond, Charleroi
1062. Van Geit, Filemon, Bruselo
1063. Peeters, Maria, Herentals
1099. Mention, Marguerite, Verviers
1100. Chaineux, Jeannine, Verviers
1120. Koeune, Jules, Verviers
1121. Kremer, Josette, Verviers
1125. Gruslet, Angèle, Gento
1153. Lemme, Marcel, Liego
1266. Trekels, Frans, Budingen (Br.)
1365. Tousseyn, Camille, Jabbeke
1364. Demesmaeker, Louis, Aalst
1368. T'Seven, Lionella, Antverpeno
1370. Buysse, Els, Antverpeno
1391. Van Mullem, Madel., Blankenberge
1439. Demesmaecker, Louis, Liedekerke
1447. De Kegel, Robert, Charleroi
1502. Vertessen, Godelieve, Veerle-Antv.
1503. Daniels, Marie-José, Overpelt (L.)
1540. De Doncker, Lode, Turnhout
1541. Hellebaut, Robert, Turnhout

(Daŭrigota)



# La 45a Universala Kongreso de Esperanto

**Novaj fakkunvenoj :**

Mendis fakkunvenon :

Popoluniversitatoj: « La 3-a Internacia Kongreso de la Popoluniversitatoj ». Adreso : S-ro P. Petit, 26 rue de Rochebrune, Rosny-sous-Bois (Seine), Francujo.

Mondpaca Esperantista Movado : « Esperanto kaj la praktika laboro por la paco socia kaj internacia ». Adreso : S-ro Balague, 26 Traiseng., St. Pölten, Aŭstrujo.

Internacia Societo de Artitektoj kaj Konstruistoj Esperantistaj. Adreso : Inĝ. K. Tyminski, Gornoslaska 45, V, 24, Varsovio, Pollando.

Internacia Komitato de Esperantistaj Virinoj. Adreso : Virina Fako de Hungarlanda Esperanto-Konsilantaro, Budapest 4, Pf 147, Hungarujo.

Eldonistoj kaj redaktoroj de Esperanto-gazetoj. Adreso : S-ro M. Jaumotte, de Bruynlaan 44, Wilrijk, Belgujo.

**Baza artikolo :**

Jenaj lokaj Esperanto-societoj mendis la kongresan bazan artikolon por organizi vesperojn pri Bruselo : Junula Sekcio de Krakovo, Göttingen, Lund.

**Sonbendo :**

Jenaj lokaj Esperanto-societoj mendis la kongresan sonbendon : Moya, Manresa, Sabadell, San Feliu de Codinas, Manlleu, Tarrasa, Barcelona, Madrid, Valladolid, Pontavedra (ĉiuj en Hispanujo), Köln, Münster, Steyr, Zizkova, Sofio, Meadville, Rio de Janeiro. Ĝis fino de aprilo la kongresa sonbendo estis mendita de pli ol 80 urboj en 20 landoj.

**Adoptaj Gepatroj :**

Transprenis la « Adoptan Patrecon » : S-ro J. Verstraeten (Antverpeno), Ges-oj de Vries (Nederlando), Esperanto-societo de Dijon (Francujo), Esperanto-societoj de Borlänge kaj Linköping (Svedujo), Ges-roj Heidelberg (Usono), Skota Esperanto-Federacio (Britujo), S-ino M. Vandevelde (Belgujo), S-ino Woessink (Nederlando), Karloreĝa Esperanto-societo (Belgujo), S-ro Van Eynde (Belgujo), Esperanto-societo de Lieĝo (Belgujo), F-ino Terrijn (Belgujo), D-ro A.K. Beck (Britujo).

Al ĝi aliĝis 45 individuaj esperantistoj kaj Esperanto-societoj. Tri aliaj infanoj el Finnlando estas invititaj veturi gaste al Bruselo por partopreni en la 5-a Internacia Infana Kongreseto.

**Fervoja rabato :**

La 25 % rabato de la belgaj fervojoj estas valida de kvin tagoj antaŭ la Kongreso ĝis kvin tagoj post ĝia fermo. La rabato estas ricevebla je prezento de la speciala rabatkarto, sendita al ĉiu partoprenonto kun la Dua Bulteno, sur kiun la kongresano devas nepre aldoni sian nomon kaj adreson.

**Gvidataj vizitoj :**

La Loka Kongresa Komitato organizas jenajn fakvizitojn en Bruselo :

1. **Muzeo de Belaj Artoj :** La Muzeo de Antikva Arto en Bruselo enhavas i.a. grandan kolekton de la majstroj de la antaŭaj Malaltaj Landoj de la VIII-a, XI-a, XV-a, kaj XVI-a jarcentoj, salonojn de flandraj, francaj kaj nederlandaj primitivaj pentristoj de la XIV-a kaj XV-a jarcentoj, kaj italajn, germanajn, francajn kaj hispanajn pentraĵojn. La Muzeo posedas, i.a. plurajn Bosch, Memling, Bruegel, Frans Hals, Van Dyck, Gérard David, Mesys : apartaj salonoj estas dediĉitaj al Rubens kaj al Jordaens. Gvidos la viziton Doktorandus F. Roose el Brugo.

2. **Banko de Bruselo :** La konstruaĵo

## Seminario por Ĉe-metodaj instruistoj

en kunligo kun la 45-a Universala Kongreso de Esperanto

Bruselo (Belgujo), 27-30 julio 1960

Same kiel en la antaŭaj jaroj, denove okazos seminario por Ĉe-metodaj instruistoj de Esperanto antaŭ la Universala Kongreso, nunjare en la belga ĉef-urbo Bruselo, dum la tagoj 27 - 30 de julio.

**LA ĈE-METODO**

Pri la Ĉe-metodo, ĝiaj principoj, ĝia aplikado, ĝia efikeco, ĝia disvastigo kaj ĝiaj sukcesoj oni jam multon publikigis en la esperanta gazetaro. Fakto estas, ke kurso gvidata de bona instruisto laŭ tiu metodo signifas por la lernantoj serion da gajaj vesperoj, kaj tial neniu forlasas la kurson antaŭ la fino ; male, la nombro de la kursanoj kreskas de leciono al leciono, kaj tial la organizantoj de la kurso preferas fari la fotografadon ĉe la fino de la kurso, anstataŭ ĉe la komenco.

La partoprenanto de tia kurso havas la impreson, ke la instruisto kvazaŭ lude donas siajn lecionojn, — sed ni devas akcenti ĉi tie, ke la tasko de la Ĉe-instruisto estas tre peza kaj ke li aŭ ŝi devas posedi multajn kvalitojn, precipe tiuj, kiuj deziras labori en fremda lando.

**LA SEMINARIO**

La seminario, organizata sub la aŭspicioj de la 45-a Universala Kongreso de Esperanto kaj gvidota de s-ro **Andreo Ĉe** mem, okazos dum kvar tagoj (27 - 30 de julio 1960) en la **Reĝa Ateneo**, en plena centro de la urbo Bruselo. La lecionhoroj en ĉiuj kvar tagoj : 9,30 - 13,00 kaj 15,00 - 18,00, ĉiam kun paŭzo en la mezo.

La **kotizo** por la partopreno en la seminario kaj ricevo de atesto pri la partopreno estas 40,— steloj.

La **aliĝon** kaj la kotizon oni sendu al : **Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando.** La pagon oni povas fari ankaŭ al la poŝtkontoj de la nomita Instituto (Den Haag 162626, Kobenhavn 34941) aŭ al la poŝtkontoj de Universala Ligo (Köln 161031, Roma 1/35112, Stockholm 74175) aŭ al la landaj reprezentantoj de Universala Ligo.

La **loĝejon** oni mendu pere de la Kongresa Oficejo en Bruselo.

Oni aliĝu kiel eble plej baldaŭ por povi fari la necesajn preparojn laŭ la nombro de la partoprenontoj.

JULIA ISBRUCKER.

---

de la « Banque de Bruxelles », kiu situas en la kadro de la Reĝa Placo, estas interesa el duobla vidpunkto de sia arkitekturo kaj de sia la829organizo profesia. Iama patricia rezidejo de la XVII jarcento, la palaco konservis sentuŝe siajn originalajn stilon kaj dekoraciojn : honora korto kaj pompa marmora ŝtuparo, vitraĵoj, tapiŝoj kaj tapetaĵoj riĉigas antikvajn salonojn kaj artoverkojn. La Banko posedas la unuajn aŭtogiĉetojn de Eŭropo, kie la aŭtomobilistoj efektivigas la operaciojn sen forlasi la veturilon kaj kie la kontroloj estas farataj per televido. La vizito estas organizita de S-ro J. Oleffe, bankfunkciulo kaj kasisto de L.K.K. La vizito estas interesa por bankoficistoj kaj artamantoj.

**3. Mehanigita Poŝtoficejo** : La Poŝtadministracio de Bruselo centrigis siajn dispartig-servojn en mehanigita komplekso proksime de la plej grava stacidomo de Belgujo. Por ekipi la necesan konstruaĵon oni imagis vertikalajn mehanismojn kunligitajn kun horizontalaj sistemoj. Ĉiu operacio rilatanta al korespondaĵo, inkluzive de la transporto de la sakoj al aŭ el la stacidomaj peronoj, okazas aŭtomate. 90.000 leteroj estas traktataj ĉiuhore. La tuta reto, ekipita per optika signalaro, estas videbla ankaŭ de ekstere, ĉar la eksteraj vandoj de la palacego estas el vitro. La mehanigita poŝtoficejo de Bruselo estas la plej moderna en Eŭropo.

Aliaj vizitoj estos anoncitaj en venontaj komunikoj. Interesuloj estas petataj anonci sian partoprenon per simpla poŝtkarto al la Kongresa Oficejo.

**Senpaga partopreno :**

La Esperantista Societo de Liono (Francujo) disponigis, kiel stipendion al sia plej bona lernanto, senpagan partoprenon en la Universala Kongreso



## JARKUNSIDO DE R.B.L.E.

Sabaton, la 23an de aprilo, okazis en Bruselo la jarkunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Estis voĉdonata ŝanĝeto en la regularo, per kiu, — por konfirmiĝi al la regularo de U.E.A. — la delegito de TEJO en Belgujo iĝas laŭrajte membro de la administrantaro de la Ligo.

La celo de tiu ŝanĝeto estas, ke la delegito de la junuloj havu kontakton kun la gvidantoj de la diversaj lokaj grupoj.

La ĝenerala kunsido aprobis la bilancon por 1959, kiu lasas profiton de Fr. 1.970 kaj ankaŭ proponon de la prezidanto, dum la jaro 1960, fari gravan iniciaton laŭ propaganda vidpunkto kaj tiucele elspezi la necesan monon por eldono aŭ reeldono de necesaj propagandiloj kaj prospektoj.

Ĝi elektis la novan administrantaron por la jaro 1960-61 :

I. *laŭrajtaj administrantoj :* S-roj M. Jaumotte ; P. Kempeneers ; F. Mathieux ; G. Van den Bossche ; N. Van Herck kaj F-ino R. Huysmans.

II. *grupaj delegitoj :* S-roj R. Balleux, L. De Marré, Fr. Schellekens, H. Sielens kaj J. Verstraeten (Antverpeno) ; S-roj Ch. Poupeye kaj D. Demeulenaere (Bruĝo) ; S-ro R. Jacobs kaj S-ino E. Staes (Bruselo) ; F-ino Orselini kaj S-ro M. Devillez (Charleroi) ; S-ino M. Vandevelde (Gento) ; D-ro Pol Denoël (Lieĝo) ; S-ro J. Koeune (Verviers) kaj S-ro G. de Cuyper (izoluloj).

III. *Kooptaj :* S-inoj J. Plyson kaj M. Weyn, F-ino I. Van Parijs kaj S-roj De Bruyne ; J. Oleffe kaj R. Paulus.

*Komisarino :* F-ino S. Obozinski.

Ĝi konstatis ke la Premion Antoinette Jennen gajnis, por 1959, la grupo de Lieĝo kun 231,81 %. La premio estos transdonata dum la festa kunsido, kiu okazos dum la Universala Kongreso : dimanĉon, 31an de julio, je la 15a horo.

La membraro, dum la jaro 1959, altiĝis ĝis 104 %.

Post la ĝenerala kunsido, la administrantaro reelektis sian estraron, kiu konsistas el :

Prezidanto : S-ro Maur. Jaumotte

Gevicprezidantoj : S-ino Plyson, D-ro P. Denoël kaj S-ro H. Sielens

Ĝenerala Sekretario : S-ro Luc De Marré

Kasistino : F-ino Rosette Huysmans

Admin. B.E. : S-ro Schellekens

Prizorganto de la Ekspozicioj : S-ro J. Verstraeten ; kaj S-ro De Bruyne, por la vojaĝanta ekspozicio.

---

**Lasta aliĝdato :**

La lasta limdato por aliĝi kaj mendi kaj antaŭpagi ĉe L.K.K. loĝadon kaj ekskursojn estas la **30-an de junio 1960**. Post tiu dato, la Kongresa Komitato **ne garantias** loĝigon por la malfruintoj.

**Unuaj laboroj :**

La Internacia Infana Kongreseto kaj la Somera Universitato estos malfermitaj jam sabaton posttagmeze.

# BELGA KRONIKO

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidantoj : S-ro Henri SIELENS, Falconrui, 21, Antverpeno ;
D-ro Pol DENOEL, 20, rue Victor Raskin, Liège.
Vicprezidantino : S-ino Julia PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Generala Sekretario : S-ro Luc DE MARRE, Groenendaallaan, 232, Antverpeno.
Kasistino : F-ino Rosette HUYSMANS, Steenweg op Brussel, 114, Meise.
Administranto de B.E. : S-ro François SCHELLEKENS, Frans Hensstraat, 44, Antverpeno.
Reprezentanto de TEJO : S-ro Nico VAN HERCK, Tolstraat, 48, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**

Poŝtĉeknumero : 726.54

La 8an de aprilo dum provprezentado de filmoj destinataj por la U.K. en Bruselo la publiko havis la okazon sperti la tehnikan progreson jam realigitan kompare al la antaŭaj tiaj prezentadoj. Temis pri filmo de la naturamikoj « Ekkonu Belgujon » (kolorigita kaj artosentema) kies komentarion prizorgis kaj tradukis S-ro A. Somers kaj R. Van Eynde, pri la rekte Esperante parolata filmo de la firmo Gevaert- fotoproduktoj : « La Lumglobeto », havigita pere de S-ro R. Van Eynde ; « Sur novaj Vojoj », filmo pri la helikopteroj, kun parolata teksto de S-ro Fr. Schellekens kaj pri « Ardenoj kaj Mozo » por tiu S-ro J. Verstraeten flegis la komentarion.

La 15an, Sankta Vendreda atmosfero estis kreata per tomboloj kaj premioj havigitaj de la ĉeestantoj. F-ino L. De Winter ilin organizis sukcesplene kaj krome prezentis diversajn ludojn kun rilato al la paska festo kaj al kiuj la ĉeestantoj vigle kunlaboris. Kiel honoraj gastoj, S-ro C. Fighiera, la KKS de la 45a kongreso kaj lia fianĉino, F-ino Ada Sikorska, honorigis la kunvenon per sia ĉeesto. La afabla F-ino Ada aŭdigis serion da polaj popolaj kantoj, aldonante la necesajn klarigojn. Kune kun trafaj dankvortoj la Prezidanto S-ro M. Jaumotte, transdonis al la gastino belan frandaĵon. S-ino L. Merckx, kiu antaŭ kelkaj semajnoj paroladis pri sia restado en Anglujo, zorgis por agrabla surprizo en formo de membakitaj kuketoj laŭ angla recepto kaj kiujn ŝi disdonis la ĉeestantoj.

La 22an, S-ro J. Hendrickx paroladis pri la filmo de Walt Disney « La vivo en la dezerto » kaj pere de multnombraj lumbildoj li havigis ĝeneralan ideon pri tiu belega filmo. Kvankam novulo de antaŭ du jaroj lia prezentado estis tre bona kaj multon promesas por la estonteco.

La 29an, okazis kabareta vespero dum kiu diversaj skeĉoj estis prezentataj. Kunlaboris : Ges-roj M. Andries, F-ino E. Van der Weken (tradukintino de la skeĉoj), S-roj J. Hendrickx, Fr. Schellekens, J. Montmirail (prizorganto de la aparatoj), A. Van Dessel (lumaranĝoj) kaj J. Verstraeten. Speciale substrekinda estas ke, post longa foresto, S-ro P. Peelman denove partoprenis al la programo per 4 Esperanto-kantoj, inter kiuj kelkaj de li lerte tradukitaj kaj kiuj vekis grandan sukceson. F-ino C. Peeters lin akompanis per la fortopiano laŭ arta maniero. F-ino S. Celis kaj S-ro K. Van den Bergh denove kaj entuziasme kunlaboris al tiu distra programo akceptante sufiĉe pezan taskon, kiun ili plenumis tre konscience, je ĉies kontentigo. La Prezidanto S-ro M. Jaumotte varme dankis je la fino.










La 6an de majo, la 9a serio en la rubriko « Tra la Mondo », temis pri « Jugoslavujo ». Per lumbildoj aŭ per raporto alportis sian kunlaboron : S-ino G. Debacker, F-ino A. Enzlin ; S-roj J. Jacobs, J. Hendrickx kaj H. Vermuyten. F-ino A. Enzlin montris kolorigitan filmon de ŝi verkitan dum sia vojaĝo en tiu bela lando kaj krome reprezentis sian filmon pri la 44a UEK en Varsovio.

La 13an F-ino E. De Coene paroladis pri « La Matterhorn » kaj montris belan serion da lumbildoj pri tiu majesta kaj impona montego. Ŝi speciale skizis la tragedion de ĝia unua surgrimpado kaj sukcesis vere kapti la intereson de la ĉeestantoj.

La 20an, S-ro J. Jacobs, malnova fidela esperantisto de antaŭ la 1a mondmilito, paroladis pri « Romo », la ĉefurbo de Italujo. Montrante multajn lumbildojn li komentariis ilin laŭ tre lerta maniero kaj vokis antaŭ la okulojn de la aŭdantaro diversaspektan bildon pri la « Eterna Urbo ». La publiko per varma aplaŭdo kaj la Prezidanto per trafaj vortoj dankis kore la paroladinton.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en «Witte Leeuw» Frankrijklei, 4 je la 20,15a h. (1a etaĝo)

JULIO : la 1an : Promenado tra la urbo gvidota de S-ro E. Paesmans ; la 8an : Radiofona teatraĵo ; la 15an : Parolado kun lumbildoj pri « Internaciaj Junulargastejoj » de S-roj C. Borremans, A. Somers kaj R. Van Eynde ; Jaŭdon, la 21an (nacia festotago) Prepar-tago de la UK en Bruselo ; la 22an : Lastaj aranĝoj por la U.E.K. ; la 29an : Antaŭvespero de la U.K. (NE KUNVENO).

**Edziĝo**

La 4an de junio, edziniĝis en Antverpeno, nia ĉarma membrino, F-ino Johana De Ketelaere, kun D-ro Willy Peeters.

Multaj Verdstelanoj ĉeestis la akcepton post la edziĝa ceremonio kaj tiel havis la okazon persone gratuli la junajn geedzojn.

Ni oficiale aldonas niajn plej korajn bondezirojn al tiuj jam multnombre ricevitaj.

**Funebro**

Niaj fidelaj gemembroj, G-roj Carlos Tytgat-De Ketelaere kaj infanoj Kristin, Ingrid kaj Wim, estas plej kruele trafitaj per la morto en Herseaux de ilia patro, bopatro kaj avo, S-ro Ch. L. A. Tytgat.

Ni prezentas al niaj amikoj kaj al iliaj parencoj niajn plej sincerajn kondolojn ĉe tiu ĉi kruela bato de la sorto.

BRUGO

**Bruĝa Grupo Esperantista, Rega Societo**

(Poŝtĉekkonto N° 4835.33)

Dimanĉon, 24an de aprilo, kelkaj membroj partoprenis en la ekskurso al Bruselo, organizita de la Bruĝa EKI, kiel preparo al la gvidado dum la U.K. Okazis matene vizito de la nacia flughaveno de Zaventem kaj posttagmeze de la Nacia Instituto por Radio. Intertempe la plej granda parto el la partoprenantoj vizitis plie la ekspozicion pri Egipta arto.

Pri tiu ekskurso estis detale raportata dum la sekvanta marda kunveno de la 26a, kiel ankaŭ pri la administrantara kaj ĝenerala kunsidoj de RBLE en Bruselo, la 23an de aprilo.

La 3an de majo, okazis la lasta leciono de la elementa kurso. Ĝi estis kronata per la lernado de la himno « La Espero ».

La 10an de majo komenciĝis nova kurso, tiu ĉi perfektiga, kiu daŭriĝas nun ĉiumarde dum la unua horo de ĉiu

kunveno. Ĝi estas varme rekomendata al ĉiuj gemembroj, eĉ malnovaj.

Post la 2a leciono de la perfektiga kurso, la 17an de majo okazis dum la dua horo muzika vespero. Kelkaj esperantaj diskoj estis komentariataj kaj disaŭdigataj.

Ĵaŭdon 19an de majo, okazis nova aranĝo de la Bruĝa EKI. En la ejo « Middenstand » de la grupo « Paco kaj Justeco » okazis kuna kunveno de ambaŭ Bruĝaj grupoj. La honorgasto S-ro Fighiera, konstanta sekretario de la U.K., estis prezentata al la ĉeestantoj de S-ro G. Maertens, vicprezidanto de la LKK. Li interesplene kaj konvinkige paroladis pri « La adaptiĝproblemo ĉe la dislokigitaj personoj » kaj respondis al multaj demandoj. S-ro F. Roose, nunjara prezidanto de EKI, lin dankis kaj post paŭzo S-ro Fighiera komencis novan paroladon donante multajn informojn pri la U.K. de Bruselo. S-ro Ch. Poupeye, nunjara vicprezidanto de EKI, aldonis al la dankoj artan donacon, nome de la du Bruĝaj grupoj, por Ges-roj Fighiera, okaze de ilia freŝdata geedziĝo.

Plia marda kunveno okazis la 24an de majo, kun tria leciono de la perfektiga kurso kaj gvidata interparolado pri la U.K. kaj pri ĝia prepara kunveno de Ĉielirtago (26/5) en Bruselo.

Post la perfektiga leciono de la 31a de majo, okazis interparolado kaj post tiu de la 7a de junio, S-ro R. Keereman aŭdigis kaj komentariis novan diskon registritan de lia propra dancorkestro.

**Programo por la venontaj kunsidoj :**

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la kunvenejo « Strijdershuis », Hallestraat, 14 ; Tel. N° 347.98 :

Dum la unua horo de ĉiu ordinara marda kunveno de la grupo, do ne dum la EKI-kuvenoj, leciono de Perfektiga Kurso : ĉiuj gemembroj, eĉ malnovaj, estas invitataj ĝin ĉeesti. Dum la dua horo : ordinara kunveno kun jena programo :

JUNIO : 28an (ŝanĝo) je la 8a, EKI-kunveno : Unua leciono de Drs F. Roose, pri gvidado tra Bruĝo. Ĉiuj ĉeestu !

JULIO : 5an: Legado de B.E.; 12an: EKI-kunveno: 2a leciono pri gvidado tra Bruĝo; 19an: Parolata gazeto; 26an: EKI-kunveno: Lasta leciono pri gvidado tra Bruĝo.

AŬGUSTO : 2an: Lastaj aranĝoj por akcepto de la U.K.; 4an: (ĵaŭdon) 9a matene, ĉe la stacidomo: Akcepto de la kongresanoj el UK, ekskursantaj el Bruĝo; 9an: Raportado pri la U.K.; 16an: Muzika vespero; 23an: Parolata gazeto; 30an: Libertempaj memoraĵoj.

N.B. Okaze de belega vetero, iu aŭ alia el tiuj programeroj povos esti anstataŭata per gvidata promenado. Tial la gemembroj alvenu akurate je la 20a en la kunvenejo.

BRUSELO

**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero: 12.30.48)

La 5an de aprilo, F-ino Ada Sikorska, fianĉino de la KKS, organizis Polan Vesperon; ŝi lerte kaj rideteme informis pri sia lando, pri la esperanta movado, pri la pola radio, pri ŝia esperantistiĝo, ktp; poste ŝi respondis al multaj demandoj. Tre agrabla kaj interesa vespero, kaj ankaŭ agrabla kaj amika atmosfero !

La 11an, S-ino Staes, kun sia kutima ŝercemo, donis lecionon pri marola lingvo: gramatiko, vortareto, literaturo, historio; ŝi kaptis la intereson de la publiko kaj amuzis ĉiujn.

La 20an, nia amiko kaj KKS, S-ro Gian Fighiera, edziĝis kun F-ino Ada Sikorska, redaktorino de la Pola Radio. Vespere, en « Les Métiers » okazis festeneto je ilia honoro. S-roj Jaumotte, Sielens, Jacobs, De Marré bondeziris kore al ili, kaj transdonis donacojn kune kun multaj aliaj ĉeestantoj; amaso da telegramoj alfluis samtempe. Granda kaj longa feliĉo al ili !

La 25an, dank'al la afableco de Verda Stelo, ni aŭskultis sonbendon pri la antverpena teatra trupo: « La realeco estas tute alia ». La 2an de majo, kutima parolata jurnalo.

La 9an de majo, S-ro Castel prelegis pri « Humoro, Humoristoj, humoraĵoj». Kiel kutime kun nia amiko ni pasis altnivelan vesperon, dank'al la literaturaj tradukitaj eltranĉaĵoj. Gratulojn !

**Programo de la venontaj kunsidoj:**

Ĉiulunde, je la 20a h., en la 1a etaĝo de hotelo « Monico Nord », 2, strato Brabant (placo Rogier), Bruselo 1a, tel.: 15.26.01.

JUNIO: 13an: Parolado de Pierre Piron pri la « Eltrovo de la Fotografio »; 20an: Perfektiga kurso, fare de S-ro van der Stempel; 27an: Disdono de la kursaj Diplomoj; kaj diapozitivoj pri la « Vivo en Grésillon », komentariotaj de F-ino Obozinski.

JULIO : 4an: Parolata jurnalo: disdono de premio al la gajnonto, kaj reaŭskulto de lia teksto; 11an: Debatvespero pri elektota temo; 18an: Perfektiga kurso, fare de S-ro van der Stempel; 25an: Prepar-labora vespero al la 45a U.K.

AŬGUSTO : 1an: 45a Universala Kongreso; 8an: eventuale intima postkongresa kunveno; 15an: ne okazos kunveno (pro festotago).

CHARLEROI

**Karlorega Grupo Esperantista**

La Grupo daŭrigas ĉiusemajne siajn kurson kaj kunvenojn.

Dum la lastaj, oni priparolis diversajn gramatikajn punktojn kaj artikolojn el diversaj revuoj.

La 29a de marto, okazis kunveno kun film-projekcio kaj la 12an de aprilo, la membroj ricevis malgajan novaĵon: La prezidanto S-ro Georges de Cuyper esprimis la intencon eksiĝi kiel prezidanto. Li tamen daŭrigos la kursgvidadon kaj ankaŭ kunorganizos la tuttagan ekskurson al Charleroi kaj Namuro-Dinant, dum la 45a U.K.

La ĉeestanta membraro esprimis sian surprizon kaj sian bedaŭron, des pli ĉar S-ro de Cuyper, dum tri jaroj, estis

# Junulino pri la nuna junularo

La Romantismo estas la kredo en la beleco de la vivo, la fido en la boneco de la homoj, malprofitemo, amo al la vero, oferemo kaj la deziro por fari la mondon paradizo, en kiu la homoj vivus kiel fratoj unu apud la alia. Tiu Romantismo estas propra al la junularo de ĉiuj epokoj. Sed ĝi estas de ĉiuj generacioj laŭ alia maniero konfesata.

Ni ne plu revas pri rozodoro kaj lunobrilo, sed ni tamen restas tre sentemaj al ili. Ankaŭ ni ne plu parolas pri rompitaj koroj kaj ni ne plu elviŝas niajn okulojn per odoranta batista poŝtuketoj kiel la Adelaidoj de la 19a jarcento. Sed ni estas egale vundeblaj kiel ili.

Ni ne svenas pro ĝojo : la ĝojo igas nin ne-parolkapablaj. Ni ne trovas la vortojn por esprimi niajn sentojn : la malnovaj vortoj estas foruzitaj kiel moneroj kiuj trapasis milojn da manoj tiel ke oni ne plu rekonas la monerfiguron. Kaj la novaj vortoj sonas duraj, indife-



tre vigla kaj lerta prezidanto, kiu plej bone gvidis la grupon. Ĉiuj esprimis la esperon, ke tiu ĉi decido ne estos definitiva kaj S-ro Raym. Paulus akceptis provizore gvidi la grupon.

**Edziĝo**

Gratulojn ni transdonas al S-ro Georges de Cuyper, prezidanto de la Karloreĝa Esperantista Grupo, kiu edziĝis kun membrino de tiu ĉi grupo F-ino Jocelyne Lambert.

Al ambaŭ ni deziras plej feliĉan komunan vivon, kun la espero ke ambaŭ povu sin icle dediĉi, — estonte ankaŭ, — al nia movado.

VERVIERS

**Trilanda renkontiĝo**

En Verviers okazis, la 14an kaj la 15an de majo, trilanda renkontiĝo, kiel jam tiom ofte okazis inter la samideanoj de tiuj landlimaj regionoj kiuj enhavas belgajn, germanajn kaj nederlandajn grupojn.

Pli ol 50 samideanoj ĉeestis, kiam D-ro Pol Denoël, el Lieĝo, faris la enkondukan paroladeton.

Poste, lernantoj de S-ro Georges Vanbreuse, profesoro ĉe la Ateneo de Verviers, ludis skeĉon, kiu havis belan sukceson.

S-ro Nico Van Herck speciale veturis el Antverpeno al Verviers, por, kiel reprezentanto de TEJO en nia lando, instigi tiujn ĉi lernantojn kaj aliajn junulojn el la regiono, starigi grupon, laŭ la ekzemplo de tio kio jam okazis en Loveno, en la studentaj medioj.

S-ro Vanbreuse subtenis tiun ĉi proponon kaj donis kelkajn konsilojn rilate al la fondiĝo de tia grupo.

Post kiam S-ro Ubaks, estis transdoninta, nome de la Aachena Grupo, memoraĵon al S-ro J. Koeune, pro lia oficiala honorigo, Prof. Vanbreuse faris humoran, sed tre detalan paroladon pri abelbredado kaj ĉiuj atente aŭskultis.

Sekvis kantado kaj prezentado de filmoj.

Dimanĉon, okazis viglaj diskutoj pri propagandaj temoj kaj posttagmeze estis vizitata la loka muzeo pri naturaj sciencoj, kaj farata promenado.

En plej bona atmosfero, oni disiĝis post alpreno de decido, ke la sekvonta renkontiĝo okazos en Aacheno, dum oktobro.

Ligita kun tio ĉi supre dirita pri la junularo, ni povas aldoni ke grupo efektive fondiĝis.

## Recenzoj...

**Multaj recenzoj estas prokrastitaj ĝis la sekvonta numero, pro manko de spaco.**



**ANTVERPENA SAMIDEANO, nun studanta en Italujo deziras daŭrigi sian propagandon por la U.K. kaj pri Belgujo ĝenerale en la italaj esperantomedioj. Sendu poŝtkartojn, precipe el Bruselo, al lia adreso : Wim De Smet, Instituto di Zoologia, Via L. Loredan, 10 PADOVA (Ital.)**

rentaj, cinikaj. Ni diras " Hallo " kaj ni volas diri : mi estas feliĉa ĉar mi revidas vin ; ni diras " ne agu tiel stulte " kaj tio signifas : mi dankas vin ; ni diras " vi estas freneza " kaj ni intencas diri : vi emociigas min. Anstataŭ ol diri : mi ŝatas vin, ni uzas cow-boy-terminojn, kaj prefere en la Angla lingvo ; tio impresas malpli sentimentala !

Estas ne vere ke tiu-ĉi junularo ne plu sentas belecon. Ĝi estas egale forte emociigata de la beleco kiel niaj gepatroj en ilia tempo estis de ĝi emociigataj. Nur, ni ne kuraĝas paroli pri ĝi. Kaj estus cetere al ni malfacile paroli pri ĝi. Kaj estas same kun niaj revoj, niaj esperoj, kun niaj seniluziiĝoj. Paroli pri ni mem, tion ni nomas lasi kapti nin. Kaj tion ni timas plej en la mondo.

* * *

Alergiojn estas malfacile kontraŭbatali kaj la trosentemo kiun ni havas je la Germana esprimmaniero kaj je la Germana temperamento estas, precipe depost la dua mondmilito, malfacile venkebla. En tio-ĉi kuŝas danĝero. Ĉar kaŭze de tio, io kio estas supermezure bela kaj interesa povus preterpasi nin : la arto de Schiller kaj lia intelekta streĉo je io en kio boneco, beleco kaj vero estas kunfanditaj.

Se, en tiu-ĉi tempo de negativismo, estas io kion ni bezonas, tio estas ke denove iu Schillereca naturo kun poetaj kapabloj leviĝu. Viro, kiel li, kiu povus diri : " Der Menschheit Würde ist in Eure Hand gegeben ; bewahret sie : sie sinckt mit Euch : mit Euch wird sie sich heben ! " (la homa digneco estas en via mano metita ; gardu ĝin; ĝi sinkas kun vi; kun vi ĝi levos sin).

La admirinda afero ĉe Schiller, pri kiu Goethe diris ke " ĉio de li estas grandeca, kvankam li havas mildajn okulojn ", estis ke li ĉe siaj unuaj poemprovoj je aĝo de 19 jaroj, direktis sin je grava temo. Kiom distancaj estas ni de la egocentra sinplendo de multaj hodiaŭaj junaj verkistoj.

Tuj Schiller trovis la temon kiu montriĝis baldaŭ esti LA temo de lia jarcento : la libereco. Estas ankoraŭ 9 jaroj antaŭ la franca revolucio. Se eble la libereco jam " ŝvebis en la aero ", la subuloj de la mallarĝvidaj despotoj de la malvastaj Germanaj ŝtatetoj, eble sopiris sub la premego, sed certe ne kapablis esprimi kion ili fakte volis ; kaj se eble iu solulo jes kapablis, li certe ne kuraĝis. Povas esti ke la patro de Schiller, oficiro en Würtemburga servo, grumblis kiam li estis devigata sendi sian 13 jaran filon gimnazianen, kiu tre deziris iĝi pastoro, al la nehoma militista akademio, je puno de perdo de sia posteno ; al tiu akademio kie eĉ poezio estis konsiderata kiel kontrabandaĵo.

La junulo sendigis sin plej eble ofte al la malsanulejo, kie li, sub la litodrapoj skribis ion laŭ tiu tempo eksterordinare revolucian : " La Rabistoj ". Kiam, du jarojn poste, la teatraĵo, en aliigita formo, estis prezentata — intertempe Schiller estis reĝimentkuracisto — kaj la 21 jara aŭtoro sen permeso estis forkurinta por vidi la unuan prezenton, li ricevis 14tagan punon pro eliro sen permeso. Sed en

## LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

**Antverpeno**

**Presejo « Espero »**, Dianalaan 180, Berchem.
**Hugo Jacques**, Lange Beeldekensstraat, 31, Presajoj Tel. 33.75.38
**Henny Jacques**, gramofon-diskoj por meminstruado Tel. 33.75.38
**« Schoenen BED »** (S-ino E. Bed), Herentalse baan 422, Wommelgem.
**G. Faes**, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikajoj, instrumentoj, radio kaj gramofono. Tel. 32.67.21
**Roger Jaumotte**, Cyriel Buyssestr. 44. Anoncoj en taĝjurnaloj. Tel. 37.47.14
**R. De Soete-Vanistendael**, Heistraat 66, Wilrijk. Okulvitroj - Rab. 5 %
**Cl. Peeters**, Onderwijsstraat 68, Apotekejo Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten**, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitraĵoj — Speguloj. Tel. 37.88.20
**J. Van Nereaux**, Sterstraat 1, Viandisto Tel. 39.55.81
**H. Peeters**, Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen.: Neonlumo, Reklamoj. Tel. 81.48.47
**Verdijck**, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. Tel. 39.06.07
**P. Peelman**, Volkstraat 34. Fumaĵoj — Pantofloj. Tel. 37.62.55
**« In 't Duifken » (S-ano Paesmans)**, Lge Koepoortstr. 64: Kostumoj (5 % rab.)
**M. Philips, K.**, Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. Vanderhoydonck-Van den Buys**, Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg ŝuoj — Teksaĵoj — Mercerajoj. Tel. 74.27.86
**J. Montmirail**, Kortemarkstraat 53, Berchem. Arhitekto. Tel. 39.58.66

**Bruĝo**

**Marcel Poupeye**, Elf Julistraat, 32: Ĉiaj asekuroj & pruntoj tutlande. Tel. 371.93
**Charcuterie Strovi**, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. Tel. 334.08
**Maison Joye**, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke**, Spinolarei, 19: Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Nordaj ardezoj & ŝtonetoj « Marbrino », Kahelaroj, Fajencoj. Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel**, Mariastraat 30. Konsumsalono. Tel. 338.34

**Bruselo**

**M. Jirousek**, 104 rue du Téléphone : reklamoj kaj litertipoj Tel. 18.77.67
**Farmaciisto Jacobs**, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. Tel. 15.26.01
**« Bonbons Swinne »**, 77 rue de Nieuwenhove. Tel. 44.57.36
**Carrelages « Carrat »**, 19 avenue de Saxe. Tel. 21.74.49

---

la malliberejo li povis rekuraĝigi sin per la memoro pri maloftega spektaklo. En la salono, viroj kun flamaj okuloj pugniĝis siajn manojn ; virinoj ŝanceliĝis al la elirejo ; fremdaj unu al la alia, ili enbrakigis sin. Kial ? Ĉar tio kio senkonscie vivis en ili kiel dezirego, estis ricevinta sian manifestacion sur la plankoj. Nuntempe tiaj tro-entuziasmiĝoj ne plu decas, escepte ĉe futbalkonkursoj. Sed mi ne estas certa ke ne okazus mirindaj aferoj se juna artisto, kun konvinkopovo, sukcesus liberigi el sub la kovrantaj tavoloj de nia fier-sinteno tion, kaj sukcesus sonigi tion de kio niaj postaj generacioj rimarkos ĉe nia societo la simptomojn sed kio al *ni* estas ankoraŭ ne revelaciita : la centra, la kernmotivo de nia tempo.

*Marleen Bogaert, studentino.*

---

**VIGLA multnombra Esperanto-Kurso en Popola Universitato, korespondas pri ĉiuj temoj, kun ĉiuj landoj. Estas diversaĝaj, diversprofesiaj lernantoj. Skribu amase, almenaŭ unu respondo estos nepre certa. Skribu al ĉi tiu adreso : CORSO DI ESPERANTO, Università Popolare, Via Emmanuele Filiberto PADOVA (Italujo).**

— Presita en Belgujo de H. De Baene-Sercu, Delaplacestraat 3, Sint-Kruis Brugge —